# Etnismo

ISSNO93

N-ro 93 INFORMILO PRI ETNAJ PROBLEMOJ 15.09.2014




## Svislando: 4-lingva, 5-lingva, aŭ pli?






# EN TIU ĈI NUMERO:



**Fotoj sur la kovrilpaĝo:**
Oni ofte renkontas la anglan en la stratoj de svisaj urboj. Tie flagetoj pendas en la laŭzanaj stratoj dum la turista periodo. En la angla ili humure prezentas Svislandon. Meze: Svisa lingva mapo kun diversaj manieroj skribi kaj prononci la nomon –Svislando- en diversaj lingvoj oficialaj aŭ ne.


**Informilo pri etnaj problemoj**
La membroj de la **Internacia Komitato por Etnaj Liberecoj** (**IKEL**) ricevas *Etnismo*-n sen krompago, normale 2 kajerojn de minimume 36 paĝoj. Unuopa ekzemplero (de simpla numero kostas 5 € (inkluzive de la afranko). La artikoloj publicitaj en *Etnismo* ne nepre esprimas starpunkton de **IKEL**, se ili ne estas subskribitaj ĝianome. Ĉiuj eroj de la "**IKEL-Informilo**" estas oficialaĵoj. La aŭtoroj ne ricevas honorarion. La redaktoro rezervas al si la rajton ne publikigi, mallongigi kaj lingve korekti kontribuaĵon.



**ESTRARO:**

**PREZIDANTO: Alain FAVRE** (savojano),
Damo de Vi, allée du Quart d'Amo 171,
FR-74140 Chens-sur-Léman, tel: ++ 33 450 94 02 08,
retadreso: afavre1@hotmail.com; etnistoj@bigfoot.com
TTT-ejo: http://ikel.stel.net

**VICPREZIDANTO KAJ REDAKTISTO:**
**Nicole MARGOT** (vaŭdanino),
ch. des Lys 4, CH-1010 Lausanne
tel: ++ 41 21 653 14 67, retadreso: n.margot@bluewin.ch

**SEKRETARIO: Nikolas XIL CARVALHO** (asturleono),
48 postakutxa. 20400 Tolosa. Gipuzkoa. Eŭskio/EH
tel: ++ 34 630 44 68 63,
retadreso: fokomelo.makolji@gmail.com

**KASISTO: Xabier RICO ITURRIOTZ** (eŭsko),
Manuel Iradier, 22-1-ezk. ES-01005 Gasteiz
Euskal Herria-Eŭskio
retadreso: xabirico@euskalnet.net

**RILATOJ KUN ESPERANTO-GAZETOJ. REVIZIADO:**
**István ERTL** (hungaro), 22, rue Faulfiels
LU-7355 Helmdange, Luksemburgio,
tel. ++ 352 2633-2659, retadreso: istvan.ertl@gmail.com

**ESTRARANO:**
**Hèctor ALÒS I FONT** (kataluno), Mir pr. 15-55, RU-428024
Ŝupaŝkaro, Ĉuvaŝio-Rusa Federacio
retadreso: h.alos@esperanto.cat


**KOTIZOJ KAJ KONTOJ:**

| Kotizoj | eŭroj |
|---|---|
| Normala | 20.00 |
| Subtenanta | 30.00 |
| Rabatita | 10.00 |

La rabatitan membrecon rajtas ĝui ĉiu persono, kiu aŭ loĝas en (eks)socialisma aŭ "tria-monda" lando, aŭ estas studento aŭ emerito.

Bonvolu ĝiri vian **IKEL**-kotizon **ekskluzive** al la konto de **IKEL** ĉe **UEA** (kodo: **ikel-y**) aŭ al unu el jenaj konto de:
**UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO**
(Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam):
- BELGA poŝtĝirkonto (pĝk) n-ro **000-1631831-97**
- GERMANA (Köln) pĝk n-ro **318291- 509**
  BLZ 370 10050 IBAN:
  DE51370100500318291509SWIFT PBNKDEFF
- NEDERLANDA pĝk n-ro **37 89 64**
  IBAN: NL24PSTB0000378964, SWIFT PSTBNL21
- SVEDA pĝk n-ro **74374-0**
  IBAN: SE9595000099604200743740,
  SWIFT **NDEASESS**
- SVISA pĝk **12-2310-0** (Bulle)

Ĉiukaze indiku "**ikel-y**" kaj la celatan jaron. Bonvolu nepre certiĝi ke via kompleta kotizo alvenu al la **IKEL**-konto: **IKEL** absolute ne povas transpreni kiajn ajn banko- aŭ peradkostojn!

Eblas reklami en *Etnismo*!
Anonctarifo: (EUR): 1 p. 80, 1/2 p. 45, 1/4 p. 25, 1/6

**Venonta redaktolimdato:**

**31-an de oktobro 2014**

# ELDONISTA LETERO

## Krimeo: ĉu aliĝo aŭ aliĝo?

La ĉi-jara anekso de Krimeo far Ruslando restis ĝis nun neagnoskita de plej multaj ŝtatoj tiom, ke ekonomiaj sankcioj frapas la aneksintan (aneksontan?) potencon. Laŭ internacia juro, Ruslando nepre devis respekti la traktaton, kiun ĝi subskribis kun Ukrainio antaŭ precize dudek jaroj. Laŭ tiu interkonsento, Ukrainio rezignis pri atomarmiloj kaj, kompense, Ruslando devontigis sin respekti la teritorian integrecon de sia kunsubskribanto. La tumultoj en Ukrainio, interalie la renverso de la registaro far "eŭropemaj" ribelantoj, iĝis preteksto por Rusio kapti tiun strategie gravan duoninsulon. Kaj tio verŝajne estas la unua ŝtupo en procezo, kiu povos konduki al dismembriĝo de lando, kiu dum jarcentoj restis sub rusa jugo.

Tia anekso vere estas premiero en Eŭropo post la dua mondmilito. Kaj, je la tutmonda nivelo, jen tre malbona ekzemplo: la plej vasta lando en la mondo, unu el la kvin daŭraj membroj de la Konsilio pri Sekureco de UN, ne hezitas plivastiĝi plu, ne respektante siajn sindevontigojn. Kaj de nun la lukto kontraŭ la disvastigo de atomarmiloj fariĝos pli malfacila: kiu akceptus senarmiĝi antaŭ najbaro, kiu riskus subite fariĝi invadema malamiko? Ŝajnas ja, ke Ruslando transpasis gravan limon, kaj ekster limoj… ne plu estas limoj.

Sed ni konsideru la aferon laŭ alia vidpunkto, nome kiel etnistoj. Proksimume 58 % de la krimeanoj estas rusoj (la aliaj ĉefe ukrajnoj kaj tataroj). Oni do povus tuj akcepti la rezulton de la marta referendumo, post kiu tiu regiono fariĝis parto de la granda rusa patrujo.

Verdire la afero ne estas tiom simpla. Unue, la efektivigo de la principo "unu etno, unu ŝtato" ne ĉiam estas dezirinda; ni ja traktis tiun temon en la antaŭa numero de nia gazeto, sed en ĉi tiu kazo ni povus aldoni pliajn argumentojn. Ĉar ĉi-kaze temas ne pri simpla etno, sed pri tre potenca ŝtato, kie la doktrino pri "tut-rusismo" trovas multajn apogantojn. Kaj tio rememorigas pri ne tiom foraj tempoj, kiam alia nacio havis la samajn pretendojn kaj pro tio fajrigis la tutan mondon. Temis ja pri "rasa supereco", kaj oni povas nun miri, ke tia kretenaĵo kondukis al tioma katastrofo; sed ĉu la nuna rusa naciismo estas vere malpli danĝera? Mi ne deziras longe paroli pri la vundoj, kiujn ricevis la rusa popolo dum la lastaj jardekoj, pri la malesto de profunda demokratia kulturo en tiu lando (krom ĉe feliĉe nemalmultaj intelektuloj), kiu konis preskaŭ nur despotajn reĝimojn, pri la fia rolo de la ortodoksa eklezio, kiu plene partoprenas en manipulado far monavida oligarkio. Mi nur konstatas, ke en Ruslando malpliiĝas la rajtoj de etnaj kaj seksaj malplimultoj, simptomo de grava socia malsano. Kio do okazos al la minoritatoj en Krimeo? Al la malamataj ukrajnoj? Al la tataroj, jam amase deportitaj de Stalino? Oni cetere ne forgesu, ke rusoj plimultas en Krimeo ĉefe pro la elimino de granda parto de tiu tjurka gento.

Jes, ĉiu popolo, mi eĉ dirus ĉiu etno, rajtas pri memdeterminado. En la kazo de Krimeo kaj pli ĝenerale Ukrainio, mi tute agnoskas, ke la nova registaro en Kievo mallerte kaj malprave atakis la uzon de la rusa lingvo kaj la eblecon de la regionoj fariĝi pli aŭtonomaj. Tio ne malhelpas, ke memdeterminado principe devas okazi pace, libere, interalie sen premo kaj sen helpo de en- aŭ alilanda armeo, kun klaraj alternativoj kaj internacia observo de la procezo. Tio jam foje efektiviĝis kaj espereble fariĝos tutmonda, normala regulo en solvo de samtipaj konfliktoj.

*Alain Favre*

*Nicole Margot*



# SVISLANDO: 4-LINGVA, 5-LINGVA AŬ PLI ...?

## Nuntempa debato pri instruado de lingvoj

Lastdimanĉe mi promenis en Ĵorato, arbara regiono situanta norde de Laŭzano. Same kiel Ĵuraso, la nomo Ĵorato venas el la arpitana, fakte el la kelta vorto -jor-, kiu signifas arbaron. En tiu ĉi regiono oni plej longe parolis vaŭdan varianton de la arpitana, (1). Ankoraŭ nun la vaŭda arpitana varianto pluparolata de kelkaj estas la ĵorata (*dzoratâi*). Ĵorato ankaŭ estas vasta arbara migradejo kaj konservas iun apartan identecon malgraŭ la pli kaj pli ofta enloĝiĝo de familioj, kies membroj laboras en Laŭzano aŭ eĉ en Ĝenevo. Ekde la fina metrohaltejo mi grimpis al tiu alta ebenaĵo, je proksimume 800 metroj. Kaj, forlasante la vilaajn kvartalojn de la ĉirkaŭurbo, mi rapide eniris arbaron kun foje sovaĝaj pejzaĝoj, etaj rojoj inter sabloŝtonaj klifetoj kaj vastaj fagejoj. Aliajn migrantojn mi preterpasis aŭ renkonte salutis, inter ili junulon kun peza dorsosako, de kiu pendis ŝuparo kaj sur kiu diveniĝis maldika matraco de kampademulo. Certe li ne nur unu tagon promenas en Ĵorato.
- Bonan tagon! Ĉu delonge vi migradas?
Li komprenigis, ke la francan lingvon li ne regas.
- *Do you speak English? French I speak only a little …* (Ĉu vi parolas angle? la francan mi parolas nur iomete). Kaj liaj du fingroj efektive montris nur tre mallarĝan spacon.
- *I also speak English only a little …* (ankaŭ mi parolas la anglan nur iomete), respondis mi.
Mia eta kono de la angla lingvo tamen gajnis super lia eta kono de la franca kaj ni interŝanĝis kelkajn frazojn.
Li migris laŭ la vojo de Sankta Jakobo inter Ĝenevo kaj Sankt-Galo, trairante Svislandon de la sudokcidento ĝis la nordoriento.
- Ĉu vi estas Sanktgalano?
- Jes.
- Ni ambaŭ estas svisoj kaj komunikas per la angla! - Miregis mi. Li mem tute ne ŝajnis miri:
- Mi parolas la svisgermanan.
Laŭ lia respondo eĉ ne valorus, ke mi transiru al la germana, kiun mi pene kaj devige studis en la lernejo.
Jen, la angla lingvo pli kaj pli fariĝas la 5-a lingvo de Svislando.

Ĝis 1798, kiam Napoleono invadis Svislandon kaj kreis la Helvetan Respublikon (1798-1803), Svislando estis preskaŭ nur germanlingva krom la aneksitaj teritorioj, Tiĉino (itallingva) kaj Vaŭdo, (franclingva). Friburgo estis dulingva, franca-germana, sed la politika lingvo estis la germana. En iu epoko, kiam triumfis la unulingvaj kaj centrigitaj naciŝtatoj laŭ la francia modelo, surprizas la decido de Napoleono doni saman rajton al ĉiuj kantonoj kaj krei, almenaŭ teorie, trilingvan respublikon (germana, franca, itala). Tio ne iris de si-mem, ĉar ja Napoleono unue planis disigi la respublikon laŭ la koncernaj lingvoj sed li rezignis konstatante ke la eksaj posedaĵoj, Tiĉino kaj Vaŭdo, volis resti svisaj. Ankaŭ *Frédéric César de Laharpe*, vaŭda revoluciulo, konvinkiĝis pri la avantaĝoj de plurlingvismo kaj skribis ke «la agnoskita neceso lerni la germanan, la francan kaj la italan kreskigos la komunikadojn kaj la rilatojn, (…) alportos al la nacio multobligitajn instruajn fontojn, malfermante ĉiujn apartajn trezorojn al tiuj tri idiomoj kaj forigos la barbarajn antaŭjuĝojn.» (2) Merga lingva instruado estis planita en la elementa lernejo sed neniam realigita pro manko de mono. Je la falo de tiu respubliko la politika komunika lingvo refariĝis nur la germana, eĉ se la alilingvaj kantonoj plu povis uzi propran lingvon sur sia teritorio. Nur en 1848 la nova konstitucio donis egalan rajton al la germana, franca kaj itala. En 1938 la romanĉa ricevis la statuton de nacia lingvo. En 1996 la renovigita konstitucio menciis rimedojn por plibonigi la komprenon inter lingvaj komunumoj kaj en 1999 la romanĉa ricevis oficialan partan oficialecon.

## FEDERALA LEĜO PRI LINGVOJ

Fronte al la nunaj malfaciloj respekti tiun plurlingvismon, Svislando provis protekti kaj subteni siajn kvar ŝtatajn lingvojn. En januaro 2010, post plurjaraj diskutoj, la Svisa Konfederacio donis al si "Federalan leĝon pri naciaj lingvoj kaj interkompreniĝo inter la diversaj lingvaj komunumoj", mallonge: "Leĝo pri lingvoj" (3). Ĝi koncernas:

1. la uzon de la oficialaj lingvoj fare de la federalaj aŭtoritatoj kaj la rilatojn kun tiuj ĉi;
2. la kuraĝigon al kompreno kaj interŝanĝo inter lingvaj komunumoj;
3. la subtenon konsentitan al la plurlingvaj kantonoj en la realigo de siaj apartaj taskoj;
4. la subtenon konsentitan al la kantonoj Grizono kaj Tiĉino por la rimedoj deciditaj favore al la romanĉa kaj al la itala.

**La celoj estas**:

1. plifortigi la kvarlingvecon, kiu karakterizas Svislandon;
2. plifirmigi la nacian kunvivadon;
3. kuraĝigi individuan kaj institucian plurlingvismon en la praktiko de la naciaj lingvoj;
4. protekti kaj antaŭenigi la romanĉan kaj la italan kiel naciajn lingvojn;

En la Federacia Konsilio, en la parlamento kaj en la administracio la 3 oficialaj lingvoj devus ĝui egalrajtecon en la uzado, dum la romanĉa estas oficiala nur en la rilatoj inter la federala administracio kaj la romanĉparolantoj.

En la artikolo 15 la Konfedaracio devontigas sin al tio ke fine de la deviga instruado la lernantoj estu kompetentaj en **almenaŭ unu dua nacia lingvo kaj unu eksterlanda**. Tiucele ĝi subtenas per financaj helpoj lernejajn interŝanĝojn inter la lingvaj komunumoj.

Sed veras, ke la debato pri instruado de lingvoj tre viglas ĉi tiujn lastajn monatojn. Ni vidu kiuj estas la diskutindaj punktoj.

## INSTRUADO DE LINGVOJ EN SVISLANDO

### Traktaĵo *HarmoS*

En Svislando la instruado dependas de la kantonaj registaroj, kio signifas, ke 26 instrudepartementoj kunekzistas. La direktoroj de tiuj departementoj kuniĝas en "Svisa konferenco de la kantonaj direkoroj pri publika instruado" (SKKDPI). Jam en 2004 tiu konferenco proponis kompromison al ĉiuj kantonoj pri instruado de almenaŭ unu dua nacia lingvo en la baza lernejo. Tiu principo estis reprenita en interkantona teksto nomita "Traktaĵo *HarmoS*" (4) por kunordigi la studplanojn en ĉiu lingva regiono. La 21-an de majo 2006 la svisa popolo akceptis per referendumo revizion de la konstituciaj artikoloj pri edukado por povi apliki tiun Traktaĵon kaj ekde la 1-a de aŭgusto 2009 ĝi efektive validas.




**Ne oftas renkonti la kvar svisajn lingvojn kunajn. Tiu ĉi flagrubando estis fotita en vaŭdaj arbaroj por indiki, ke ne eblas pasi. German-, franc-, ital- kaj romanĉlingve: "arbodehako."**

En septembro 2010 ĝin ratifis 15 kantonoj, inter kiuj ĉiuj romandaj (5), Tiĉino kaj 8 alemanaj. 7 kantonoj rifuzis la Traktaĵon, 4 ankoraŭ ne pridiskutis ĝin kaj rajtas tion fari ĝis 2015. Efektive la SKKDPI donis al si limdaton je la 31-a de julio 2015 por taksi la situacion.

En Romandio la Traktaĵo *HarmoS* konkretiĝis en la Romanda Studplano adoptita de la Interkantona Konferenco pri Publika Instruado en 2010 kaj la 21 alemanaj kantonoj kune prilaboris studplanon *Lehrplan 21* en konsultado ĝis aŭtuno 2014. Tiĉino revizias sian studplanon, kiu devus esti adoptita en la somero 2014.

Pri lingva instruado la Traktaĵo *HarmoS* devigas la kantonojn, kiuj ĝin ratifis ekinstrui duan nacian lingvon kaj la anglan plej malfrue inter la aĝo de 8-a kaj la 10-a jaroj proksimume. La lingvokapabloj en tiuj du lingvoj devos esti egalaj fine de la deviga lernejo. La trilingva kantono Grizono (germana, itala, romanĉa) kaj Tiĉino ne estus koncernataj ĉar ili jam devige instruas trian nacian lingvon en la baza lernejo. Aliflanke la kantonoj devas subteni la organizon de lingvaj kaj kulturaj kursoj en la origina kulturo de la lernantoj el la enmigrinta medio, kondiĉe ke la politika kaj religia neŭtraleco estu respektata.

## Rimarkoj

La unuan rimarkon faros nur esperantistoj aŭ homoj aparte atentemaj pri lingva egaleco kaj lingva diverseco: la eksterlanda lingvo proponita kiel devige lernebla estas nur la angla. Sed tio ja kompreniĝas kiam oni konsideras, ke temas pri instruado de lingvoj por ĉiuj, kaj ke nun la angla estas konsiderata kiel tutmonda lingvo. La homaro bezonas komunan lingvon, almenaŭ por baza komunikado. Se ja tiu elekto ne ŝajnas la plej bona, eĉ eble danĝera koncerne kulturdiversecon, temas pri "realisma" elekto. Pri la dua nacia lingvo, ĝi kompreneble estas libera sed en la realo la du naciaj lingvoj plej instruataj estas unue la germana, due la franca.

La SKKDPI havas laŭdindan ambician celon pri instruado de lingvoj en la baza lernejo se oni konsideras, ke la elementan lernejon frekventas ĉiuj lernantoj, ankaŭ tiuj, kiuj ne eniros la mezan lernejon aŭ kolegion kondukantajn al abiturientiĝo. Nur ekde la jaroj 60 oni komencis pridiskuti instruadon de dua nacia lingvo por ĉiuj kaj ekde 1970 oni enkondukis en kelkaj kantonoj, ĉu la "fruan franclingvan instruadon", ĉu la "fruan germanlingvan instruadon". Kaj nur ekde 2003 plej multaj svisaj lernantoj devige lernas du lingvojn en la bazlernejo. Sed al tiu laŭdinda ambicio de la SKKDPI mankas taŭgaj instrurimedoj, efika instrumetodo instrurimedoj, efika instrumetodo kaj trejnitaj instruistoj.

Estas interese rimarki ke, kvankam neniu fremda lingvo estis instruata bazlerneje antaŭ la jaroj 70, tiam multaj junuloj elirantaj la elementan lermejon sen plustudi iris staĝi unu jaron en familio de alia svisa kulturo, la inoj por helpi la hejman mastrumadon aŭ la vartadon de infanoj, la viroj en kamparan bienon aŭ en etan entreprenon. Kaj tiam pli oftis la romandoj parolantaj alemane kaj alemanoj parolantaj france ol nuntempe.

## MALFACILOJ KAJ OPOZICIOJ EN LA APLIKO DE LA *HARMOS*-DIREKTIVOJ

Oni tuj povis konstati, ke 12 alemanaj kantonoj, Argovio, Zuriko, Turgovio, Lucerno, Zugo, Apencelo Interna kaj Ekstera, Obvaldo, Nidvaldo, Ŝvico, Sankt-Galo, Glaruso, Urio, ĉiuj nordorientaj, decidis instrui unue la anglan, je la 8-jara aĝo kaj nur poste la francan, je la 10-jara aĝo, kio malkontentigas la loĝantojn de la romandaj kantonoj. Tiuj lastaj konservis la instruadon de la germana je la unua loko. Kaj nuntempe 5 alemanaj kantonoj kaj la trilingva kantono Grizono ekagas per kantonaj "popolinciativoj" (6) por instrui nur unu fremdan lingvon en la elementa lernejo. Ofte tiuj ĉi "iniciativoj" venas de instruistoj, kiuj spertis la malfacilon de lingvoinstruado kaj sekve de tio kolektas subskribojn cele al voĉdonado por instrui nur unu lingvon en la elementa lernejo. En Bazelo Kampara, kiu ratifis la Traktaĵon *HarmoS* en 2010, komitato unuiganta ĉiujn dekstrajn partiojn kaj reprezentantojn de la Verduloj nun ekagas por eliri la Traktaĵon kaj «preni mem siajn decidojn».

Romanda semajna gazeto, *L'Hebdo*, publikigis enketon pri tiu situacio komence de majo. La dulingva titolo tuj montras la etoson: "*La Guerre des langues est déclarée*" (La lingvomilito estas deklarita "*Der Sprachenstreit eskaliert*" (La lingva konflikto degeneras).

En lucerna urbeto, *Willisau,* kie ĝuste lingvoinstruisto kolektis subskribojn kontraŭ instruado de du lingvoj en la elementa lernejo, la ĵurnalisto almenaŭ tridekfoje demandis al pasantoj kiu lingvo restos post la malapero de la dua. La respondo ĉiam simile ŝprucis: «certe la angla» kun foja aldono: «ĝi estas la universala lingvo! Kaj Svislando estas malfermita al la tuta mondo.» Prave dubis la ĵurnalisto pri tiu "tutmonda malfermiteco", rimarkigante, ke ĝuste en *Willisau*, la 9-an de februaro, oni 56,6% voĉdonis kontraŭ "Amasa enmigrado". Ankaŭ Nidvaldo pretigas forigon de la dua fremda lingvo. La romandoj ŝokite kriegas kaj konsideras sin kiel la fidelajn defendantojn de nacia solidareco (7) kompare kun la "perfidaj" alemanoj, sed ankaŭ *L'Hebdo* konstatas, ke tiuj romandoj ne estas modelo pri tutsvisa solidareco. La instruista sindikato rapide ekkonsciis, ke instruado de du fremdaj lingvoj en la bazlernejo ne eblas. En gazetara konferenco ĝia reprezentanto klare konfesis, ke aserti tion estas mensogo, kaj ke tutsimple «oni ne povas lerni lingvon lerneje». Sed kiam oni proponas al tiuj instruistoj dulingvan instruadon aŭ instruadon de la germana fare de alemanaj instruistoj, ili opinias tion ne realista kaj preferas nekompetentajn lokajn instruistojn al ekzotikaj kompetentuloj.

## DU KANTONOJ, KIE SUKCESAS LA LINGVOINSTRUADO

### Tiĉino

Iuj kantonoj tamen kapablas ĝis nun respekti la tutŝtatan solidarecon. Tiĉino, kiu instruas 3 fremdajn lingvojn en la elementa lernejo, estas ja modelo: la franca estas instruata por la aĝo 8-a ĝis la 10-a jaroj, la germana ekde la 10-a kaj la angla ekde la 11-a jaro, kiam la instruado de la franca ne plu estas deviga. Sed, laŭ la artikolo de *L'Hebdo*, 60% de la lernantoj daŭrigus la lernadon de la franca eĉ kiam ĝi fariĝas ne plu deviga. Malfeliĉe oni povas konstati, ke la kantono, kiu plej bone sukcesas en la instruado de la svisaj lingvoj, vidas sian lingvon pli kaj pli neglektata de la aliaj. Tia estas la sorto de la minoritatoj




**Provoka titolo: "Atako kontraŭ la franca. La lingvomilito estas deklarita. Fek' al la franca".**

## Grizono

Pli komplika estas la situacio de Grizono, la plej granda kantono de Svislando kun malpli ol 200 000 loĝantoj, ofte konsiderata kiel eta Svislando ĉefe pro siaj tri oficialaj lingvoj (8). Sed ankaŭ ĉar ĉiu municipo, aŭ lingva regiono, disponas pri aparta aŭtonomio rilate la elekton de la oficialaj kaj instruataj lingvoj, respektante la teritorian kriterion kaj instruante la koncernan lingvon kiel unuan. Ekzistas tamen kelkaj esceptoj, kaj iuj vilaĝoj de Alta Engadino, tradicie romanĉlingvaj sed forte germanigitaj, disponigas dulingvan instruadon, romanĉan-germanan. En julio 2007 estis voĉdone akceptita kantona leĝo pri lingvoj, kiu regulas la lingvan uzon kaj forte subtenas la trilingvecon de la kantono.




**En la grizona vilaĝo *Ardez*, malalta Engadino, ni povas legi sur domo en la valadera: «Mi vidas la herbejon plenfloran, la neĝon en sia splendo, sed ankaŭ la lupon, kiu timigas, kiu mordas kaj foriras. Ĉu ni fidelas al bono? En ĉiuj ni estas iom da lupo.»**

Koncerne la duan kantonan/ŝtatan lingvon, de la 8- jara aĝo oni ekinstruas ĉu la germanan, ĉu la italan. Grizono estas nun la sola kantono, kie la itala estas instruata bazlerneje kiel dua lingvo, sed ĝi estas ankaŭ la sola, kie la franca ne estas deviga. Ekde 2008, oni decidis devige instrui la anglan. En julio 2007 estis voĉdone akceptita kantona leĝo pri lingvoj, kiu reguligas la lingvan uzon kaj forte subtenas la trilingvecon de la kantono.

Sed ĝuste fine de la pasinta jaro "popolinciativo" (6) ricevis sufiĉe da subskriboj por ke la grizonanoj voĉdonu en 2015, post ekzameno de la "iniciativo" fare de la registaro kaj de la parlamento, por nur unu fremda lingvo en la elementa lernejo! Tiu ĉi "iniciativo" esprimas la saman zorgon, kiel la alemanaj kantonoj, kiuj opinias, ke la lernantoj estas superŝutitaj de lingvoinstruado kaj ke ununura fremda lingvo lasos lokon al plifortigo de la gepatra lingvo. Se la inciativo estos akceptita, la lernantoj de la baza lernejo povos elekti, kiel duan lingvon, inter la germana kaj la angla. Ĉu vere la enkonduko de la angla kiel unua anstataŭ la itala plifortigos la alpropriĝon de la gepatra? Ĉu la nuna angla unulingvismo proponota al la junuloj estas ja bona afero por pretigi ilin al tutmondiĝo? demandas sin artikolo de *Corriere del Ticino*. La aŭtoro aldonas, ke la itala havas ian ekonomian pezon ĉefe en tiu regiono. Veras, ke la sukceso de tiu "popoliniciativo"estus plua bato por la itala en Svislando.

Tiu ĉi "iniciativo"montras, ke la grizona kantono estas majoritate alemana kaj evoluas en alemana etoso eĉ se la romanĉa minoritato, kiu kontribuas al iu famo de la kantono, ĝuas grandan respekton.

Al iu ĵurnalistino de la romanda radio, kiu intervjuis romanĉlingvan arkitekton kaj konstatis la riĉecon de la romanĉa literaturo, la intervjuito respondis: «ja, oni multe skribas en la romanĉa, eble tro!» Tiu ironia konstato klare spegulis la lastjarajn prilingvajn debatojn en Romanĉio.

Kiel ofte priskribite en ***Etnismo***, ekzistas 5 romanĉaj idiomoj, sursilva, sutsilva, surmira kaj la du engadinaj, putera kaj valadera, kunigitaj sub la nomo ladina. Ekde 1982, unuecigita skriblingvo, la grizonromanĉa (*rg*) estis kreita surbaze de la idiomoj fare de la zurika roman isto *Heinrich Schmid*. La intensaj debatoj koncerne *rg* kaj la idiomoj tamen tute ne similas al la alemana situacio priskribota poste, ĉar la idiomoj ne estas nur parolaj dialektoj (9), ili ĉiuj havas longan tradicion skriban kaj literaturan kaj estas instruataj bazlerneje.

En 2003 la kantona registaro decidis, pro ŝparo, ne plu eldoni lernejajn rimedojn en ĉiuj idiomoj sed nur en *rg*. Tiu decido levis tempestegon ankoraŭ ne forpasintan. Sekve al la premoj de la asocio *Pro Idioms* la registaro retroiris en 2012 kaj akceptis eldoni librojn pri matematiko en la tri idiomoj, kiuj postulas tion (surselva, putera kaj valadera). Nur la surmiraj municipoj akceptis ekinstrui en la grizonromanĉa kaj la sutsilva estas nun instruata en nur unu municipo, *Donat*. La kantona ŝtatkonsilanto respondeca pri instruado, *Martin Jäger*, rekonis ke la decido de 2003 ne respektis la kantonan konstitucion, kiu postulas kunlaboron inter la kantono kaj la municipoj pri lingvo instruado. Tre admirata de la aliaj idiom-subtenantoj *Pro Idioms Surselva* eldonis surselvan lernolibron *Access* kun surreta kompletigo sur la retlerna platformo *Moodle*.

La Romanĉa Ligo, *Lia Rumantscha*, kiu celas subtenon de la romanĉa lingvo por ke «la lingvo estu plu uzata kaj transdonata al la estontaj generacioj», kaj ties nova prezidanto, *Urs Cadruvi*, proponis kompromison akceptitan de la registaro kaj de la idiomsubtenantoj: «Modelo de kunekzistado: *rg* – idiomoj en la lernejo.» Tiu "modelo" «antaŭvidas, ke la instruistoj alfabetigu en la idiomo, prezentante la romanĉgrizonan laŭ pasiva maniero (legi kaj kompreni) kaj la instruistoj, kiuj instruas en la romanĉgrizona prezentu la idiomon laŭ sama pasiva maniero. Laŭ la "modelo" tre gravas, ke ĉiuj lernantoj en la venonto okupiĝu pli intensive pri la lingvo kaj kulturo romanĉa en ties tuto kaj trans la idiomaj limoj. Tio devas plifortigi la konscion pri interromanĉeco». Tiu teksto estas bazo por adapti kantonan leĝon pri lingvo instruado kaj devus eniri la studplanon *Lehrplan 21*. (10)

Tiu kompromisa sinteno de la Romanĉa Ligo estis forte kritikata en *La Quotidiana* fare de la *rg*-subtenantoj kaj de la antaŭa prezidanto de la RL, *Chasper Pult*. Ili opinias, ke RL stariĝis flanke de la idiom-subtenantoj, kaj ke tiu "venko" de *Pro Idioms* endanĝerigas la estonton de la lingvo. *Urs Cadruvi* defendis sin, asertante ke necesis «kvietigi la mensojn kaj ke la venontaj generacioj eble aliros la unuecigitan lingvon kun pli da racio».

La asocio *Pro Idioms* neas esti kontraŭ *rg*, sed volus limigi ĝian uzon al nura administra lingvo. Iuj eĉ plendas, ke *rg* estas tro uzata en la



***MAD***, el la *Quotiana*.
***Bernard Cathomas*.**

En aŭstra gazeto pri minoritatoj (1) aperis ĉijare grava artikolo pri la romanĉa lingvo de *Bernard Cathomas*, romanĉa emerita ĝermanisto kaj historiisto: **"Situacio de la romanĉa en Svislando, malnovaj kaj novaj defioj."** Interesa legado ankaŭ por la fajnkonantoj de la romanĉa ĉar ĝi prezentas jam konatajn problemojn per novaj vortoj, malfermante ankaŭ pordojn por novaj solvoj kaj esprimante novajn fenomenojn jam observitajn sed tamen neniam bone komprenitajn. Li konstatas, ke se la lastaj jardekoj alportis multon al la romanĉparolantoj, formitajn lingvopro-fesorojn, ĉiutagan radion kaj gazeton, novaĵagentejon kaj kantonan tradukservon, la demografia evoluo ne favoras la lingvon. Efektive malkreskas la naskoj, duono de la romanĉlingvanoj elmigras dum enmigras alilingvanoj. Same kiel tiuj lastaj, kiuj, subtenataj de iliaj ambasadejoj, konservas kulturajn rilatojn kun la origina lando, la romanĉlingva diasporo devus povi plu uzi sian gepatran lingvon kaj povus esti helpata en tio de la mocio de *Silva Semadeni* por antaŭenigi dulingvan instruadon en tuta Svislando. (vidu artikolon) Se la diversaj komunikiloj, radio, TV kaj gazeto unuigas la romanĉojn necesus agon pli politikan. La propono de la juristo *Thomas Burri*, krei kantonon nur romanĉlingvan ne konvinkas kaj ŝajnas iom sciencfikcia sed necesus politika premado kaj lobiado fare de lingvaj organizaĵoj kune kun kantonaj kaj naciaj politikistoj por plifortigi romanĉlingvan Svislandon. Bedaŭrinde la tegmenta asocio Ligo Romanĉa ne plu posedas legitimon kaj reprezentivecon por la tuta lingva komunumo kaj necesus trovi alian solvon kaj provi atingi pli da kultura aŭtonomio laŭ la ekzemplo de aliaj eŭropaj minoritatoj.

Laŭ recenzo de *Claudia Cadruvi*, *La Quotidiana*, 05.08.2014.

(1)"*Zum Stand des Romanischen in der Schweiz/Alte neue Herausforderungen*". Ĝi aperis en "*Europäisches Journal für Minderheitenfragen*" en la dua numero de 2014. Eld *Österreich*. Oni povas mendi la revuon ĉe m.dalfen@verlagoesterreich.at.

taga gazeto *La Quotidiana*. *Pro Idioms* volus, ke la instruado de *rg* estu limigita al la supera instruado.

Alia temo malkvietigas la romanĉparolantojn: la municipaj unuiĝoj. Ĉu ili favoros aŭ malfavoros la pluuzadon de la lingvo? Teorie oni povus esti optimisma, kiam oni vidas la malantaŭrejnan komunumon *Glion/Ilanz*, germanligva ĝis nun, enkonduki dulingvecon en la instruadon kaj en la administracion post unuiĝo kun la ĉirkaŭaj sursilvaj municipoj romanĉlingvaj. Sed ĉu tiu "bona intenco" vere igos *Glion* dulingva aŭ ĉu ĝi perdigos la romanĉlingvecon de la aliaj municipoj? La estonto respondos.

## ĈU SVISLANDO ESTAS NUR 4-LINGVA?

Ni jam vidis, ke en la grizona kantono, krom la 3 oficialoj lingvoj, oni parolas 8 aliaj lingvovariantojn. Kaj Svislando, krom la kvar naciaj lingvoj, ratifis la Eŭropan Ĉarton por la Regionaj kaj Minoritataj Lingvoj rekonante la jidan lingvon, plu parolatan de eta judortoksa komunumo, kaj la jeniŝan ankoraŭ parolatan de samgranda komunumo (ĉirkaŭ 3 000 laŭ Vikipedio). Lastjare oni proponis rekoni la arpitanan/francprovencan (1). Paradokse la alemana, plej parolata en Svislando, estas nek konsiderata kiel nacia aŭ oficiala lingvo, nek rekonata en la Ĉarto. La valza, ankaŭ alemana, estas plu parolata en la alta parto de Valezo, en Grizono kaj en Tiĉino de ĉirkaŭ 10 000 loĝantoj. La lombarda estas la regiona lingvo de Tiĉino kaj, plej minoritata, la bavara el Tirolo, kiu alpartenas al la altgermanaj dialektoj, estas uzata nur en unu komunumo de la grizona kantono, *Samnaun*.

Laŭ mia kono malumultaj el tiuj lingvoj estas instruataj en la lernejo, nur la arpitana en iuj municipoj de Valezo kaj Friburgo, kaj la alemana, ŝajne nur parole uzata.

### La alemana lingvo

Temas pri ne normigita lingvo, paradokse la plej parolata en Svislando. Kaj tie kuŝas problemo ĉiam pli akra en Svislando.

Por iom kompreni tiun realon mi komencos per rimarko, kiun nur etnisto povas fari: tri el la kvar naciaj lingvoj de Svislando estas normlingvoj de aliaj ŝtatoj kaj la kvara, la grizonromanĉa, kiel ni vidis, estis ja kreita de sviso. La itala kaj la franca ne kaŭzas malfacilaĵojn, ĉar iliaj parolantoj rezignis pri siaj regionaj lingvoj, la lombarda en itallingvaj teritorioj, la arpitana en preskaŭ ĉiuj kantonoj de Romandio. (1)

Sed tute male la alemanoj, post la dua mondmilito, pli kaj pli rifuzas la germanan kaj konsideras sin kiel denaskajn alemanajn lingvulojn.

«Ĉiam pli evidente oni mezuras la nerezisteblan progreson kaj la ĉieeston de la alemanaj dialektoj en la publikaj lokoj, en la preĝejoj, en la armeo, en la administraj servoj, en la aŭdvidaj komunikiloj, en la lernejo ĝis la universitatoj.» (11)

Antaŭ kelkaj monatoj la argovia kantono voĉdonis por malpermesi la uzon de la germana en la infanĝardeno, akceptante "popoliniciativon" (6) de la plej dekstra kaj izoliĝema svisa partio, la Svisa Popolpartio (11). Se oni konsideras, ke plej multaj alemanaj familioj parolas nur dialekte, oni povas kompreni, ke infanoj, kiuj renkontas la germanan lingvon nur je la 7-jara aĝo proksimume, konsideros la germanan kiel fremdan. Tio jam okazas nun por plejmultaj el la alemanoj. Etnistoj povas admiri tiun reziston favore al sia gepatra lingvo, kaj tion mi faras. Sed en la lernejo la alilingvaj svisoj lernas la germanan, ne la alemanan. «Malgraŭ ĉiuj lernejaj klopodoj plej multaj el la romandoj devas peni por eligi korektan frazon germanan (…) kaj ŝajnas, ke la alemanoj ĉiam malpli volonte parolas france (…), ili eĉ ne plu kapablas aŭ deziras paroli germane.» (2)

Malmultaj voĉoj ne tre konvinke levis la demandon: ĉu la alemana ne devus iĝi nacia lingvo anstataŭ la germana? Sed tie la paradokso fariĝas kompleta: plej multaj el la alemanoj tute ne volus, ke ilia familia kaj intima dialekto estu normigita por iĝi nacia lingvo. Oni tamen kons-tatas, ke preferata lingvo, kiu pli kaj pli vaste paroliĝas inter uzantoj de malsimilaj dialektoj, senregule unueciĝas, donante pli da loko al la lingvaj variaĵoj de la grandaj urboj, kiel Zuriko kaj Bazelo. Kaj sekve de tio ŝajnas, ke la alemana lingvo, ofte la sola komforta parolilo de iuj alemanoj, malriĉiĝas. *Ludwig Haller*, profesoro pri filozofio kaj amaskomunika teorio, konstatas en La *NZZ am Sonntag*: «la dialekto ne renoviĝas kaj daŭre limiĝas, malriĉiĝas kaj tro simpliĝas.» Ĝia uzado en la radio kaj televido ĉiam pli unuformigas ĝin, disvastigante parolformojn ne ĉiam "ĝustajn", kontribuante al ĝia malriĉiĝo. (12)

*José Ribeaud* res-pondas al la defendantoj de la aleman/germana diglosio, kiuj opinias, ke simila uzo de dialekto kaj skriba lingvo ekzistas ankaŭ en aliaj kulturoj: «la ekzemplo de la arablingvuloj, kiun ili prefere citas ne konvinkas. (….) La intervenantoj en la publika vivo, kaj plie en la religia vivo uzas la klasikan araban. Ekzistas moderna versio de la klasika araba uzata (…) en la radio kaj televido.»




Vikimedio. Aŭtoro: *Roland zh,* la 15-an de aprilo 2012.

**Sabate, antaŭ la tradicia zurika festo *Sechsläuten* (alemane: *Sächsilüüte*), "Seshora sonorigado". Ĝi nomiĝas tie ĉar la lunda parado finiĝas je la 6-a horo vespere per brulo de grandega pupo, *Böög,* simbolanta la vintron. La afiŝo informas pri la ĉeesto de la berna kantono en tiu ĉi festo.**

## La alemana en la historio de Svislando

Oni plej ofte ignoras, ke dum la konstruiĝo de Svislando la alemana momente estis konsiderata kiel nacia kaj oficiala lingvo. *Christophe Büchi* (2) rimarkigas, ke post la burgundiaj militoj, ekde 1481, la tiama 13-kantona Svislando «pli grave atentis ol antaŭe pri siaj ĝermanaj lingvoj kaj kulturoj, kiuj iĝis, je ĝiaj okuloj, simbolo kaj indentigilo de la Konfederacio.» Tiam ekekzistis konscio esti popolo kaj nacio. «Kaj ilian nacian lingvon ili opiniis trovi en la alemana, kiun ili nomis *die eidgenössische Landsprache* (la konfedera lingvo de la lando)». «Berna kronikisto rakontas, ke la Konfederaciuloj decidis en 1510 skribi al eksterlandaj ŝtatestroj nur en "bona federala lingvo", prefere al la latina.» Internaciaj kontraktoj estis do redaktitaj en tiu lingvo, ekzemple en 1516 kun Savojo, kaj eĉ kun la papo, la Konfederaciuloj korespondis alemane. Malgraŭ fakta sendependiĝo ĝis la fino de la 15-a jarcento, la svisoj ankoraŭ apartenis al la Sankta Romia Imperio kaj tre bone rilatis kun la sudgermanaj ŝvaboj kun kiuj ili kundividis la saman lingvon.

Iom paradoksas, ke ĝuste kiam ĝi malkovris sian ĝermanan lingvon, Svislando ekfariĝis plurlingva kun la dulingva kantono Friburgo kaj kelkaj etaj teritoriaj posedaĵoj en la vaŭda kantono. Kaj ekde 1403, la urianoj aneksis, sen renkonti opoziciojn, nuntempan tiĉinan teritorion, la Leventinan Valon.

Kial do la alemana ne fariĝis oficiala kaj skriba lingvo por Svislando? *Christophe Büchi* memorigas, ke ĝis fine de la 15-a jarcento ne ekzistis unuecigita lingvo por la ĝermanparolantoj. Oni skribis en iuj dialektoj, kiuj utilis kiel komuna lingvo al tuta regiono, en iu "komuna germana" en la sudo de la Sankta Romia Imperio kaj en iu malalta germana, la platdiĉa, norde. Kaj Svislando en tiu "federala lingvo", kiu ignoris la fonetikajn ŝanĝojn okazintajn ĉirkaŭ 1450 en Germanio. Oni daŭre skribis *Hus* anstataŭ *Haus* (domo), *Mus* anstataŭ *Maus* (muso), *tütsch* anstataŭ *Deutsch, Schwyzer* anstataŭ *Schweizer*. Tiu diferenco komence plaĉis al la svisoj, kiuj sentis sin despli aŭtonomaj, sed en la tempo de la Reformacio ekzemple, kiam debatoj similaj okazis en Germanio kaj en Svislando, la lingvaj miskomprenoj inter *Luther* kaj *Ulrich Zwingli*, svisa reformaciisto, fariĝis tiklaj. Ambaŭ reformaciistoj tradukis la Biblion,




**La bildo ludas per la franca vorto *langue*, kiu samtempe signifas -lingvo- n kaj -lango-n.**

tiu de *Zwingli* kompreneble diferencis lingve de tiu de *Luther*. Kaj pro komercaj kialoj la zurika kaj la bazela eldonistoj preferis la tradukon de *Luther*, pli vaste vendebla. Tiel komenciĝis la aliĝo de Svislando al la germana skriba lingvo. La katolikaj kantonoj sekvis tiun movadon, kaj je la 16-a jarcento en la friburga kantono la tipografiaj konvencioj devigis skribi en "bona germana". La adaptiĝo bezonis jarojn kaj finĝis en la 18-a jarcento.

**KIEL "SAVI" SVISAN PLURLINGVISMON?**

La 28-an de majo, la Romanda Radio (RTSR) intervjuis *Joseph Eyman*, prezidanton de la SKKDPI kaj demandis lin, kion povas fari tiu asocio por respektigi la postulon de la Leĝo pri Lingvoj koncerne lernadon de dua ŝtata lingvo en la elementa lernejo. Por tiu reprezentanto de la kantonaj instrudepartementoj gravas plibonigi la lingvoinstruadon, subteni la instruistojn kaj konsciigi la gepatrojn pri la graveco de la naciaj lingvoj. Ĉu la Federala Konsilantaro, la ekzekutivo, devus interveni? Sinjoro *Eyman* opinias, ke ne. La kantonaj direktoroj pri publika instruado devus mem solvi tion. «La Konfederacio rajtas interveni, sed mi opinias, ke oni devus tion eviti, ĉar la instruado restas kantona kompetento». La 13-an de junio pluraj mocioj por interveno de la Federala Konsilantaro favore al prioritatigo de iinstruado de ŝtata lingvo estis diskutitaj en la Konsilantaro de la Ŝtatoj, kaj *Alain Berset*, Federala Konsilanto respondeca pri Internaj Aferoj, respondis, ke efektive «lingva instruado estas demando ne nur pedagogia sed ankaŭ politika.» «Sed kiun rimedon disponas la Federala Konsilantaro, se kantono decidas forigi instruadon de dua nacia lingvo favore al la angla?» demandas sin ĵurnalisto de la romanda taggazeto *Le Temps*. «Ĝiaj respondeblecoj estas limigitaj, ĉar pri instruado kompetentas la kantonoj. Tamen la Prilingva Leĝo kaj la Konstitucio donas al la Konfederacio kompetentojn nome de la tutnacia kuneco.» La deputitoj, kiuj deponis la mociojn, insistis por ke la Konfederacio rapide agu. Sed *Le Temps* mencias, ke la debato, subtenata tiom de alemanoj kiom de romandoj, okazis en salono duonplena! Tio starigas fortajn dubojn pri la intereso de la deputitoj je tiu grava temo.

**DULINGVA INSTRUADO**

La kantonoj, kie plej bone sukcesas lingva instruado, estas kompreneble la dulingvaj. En ili la cirkonstancoj tute taŭgas por enkonduki dulingvan instruadon ekde la elementa lernejo kaj foje ĝis la abiturientiĝo. Tio realiĝas en Valezo, en Friburgo, en la francparola parto de la berna kantono, en la dulingva urbeto Bielo. Mi jam menciis la trilingvan kantonon Grizono, en kies ĉefurbo, Koiro, ekzistas dulingva instruado en klasoj german/romanĉlingvaj kaj german/itallingvaj. Aparte laŭdindas, ke tiu nur germanlingva urbo proponas tiajn klasojn, verŝajne por la kantonaj loĝantoj, kiuj migris al la ĉefurbo. Lastjare tamen la urba estraro, kiu bezonis ŝpari por garantii ekvilibran buĝeton, proponis malaperigi tiujn ĉi klasojn. La asocio *Pro Bilingua Cuira* (por dulingva Koiro) kolektis 1000 subskribojn por kontraŭstari tiun projekton kaj sukcesis almenaŭ pormomente.

La 19-an de marto 2014 grizona deputitino itallingva, *Silva Semadeni*, deponis mocion en la Nacia Konsilantaro (Ĉambro de la Konfederacia Parlamento) por ke la registaro, la Federala Konsilantaro, ekhavu "strategion por antaŭenigi lernejojn instruantajn en du naciaj lingvoj". Tiu mocio, subskribita de 91 deputitoj el ĉiuj partioj kaj lingvaj regionoj, estis akceptita de la Federala Konsilantaro (13) la 21-an de majo 2014 kaj estos voĉdonita de la Parlamento. Oni tamen memoru pri la supre menciita skeptikeco de ro-

mandaj instruistoj rilate dulingvan instruadon. Se, espereble, tiu mocio estos akceptita en la Parlamento, necesos tamen kontraŭstari ies antaŭjuĝojn.

**KONKLUDO**

Ni vidis, ke la bildo de kvarlingva Svislando, se ĝi ja estas oficiala, estas samtempe tro simpla kaj idealigita. Tro simpla ĉar oni parolas pli ol kvar lingvojn en Svislando. La plej multe parolata, la alemana, eĉ ne estas oficiala; aliflanke oni pli kaj pli serioze povas demandi sin ĉu la angla ne fariĝos la kvina nacia lingvo. Malgraŭ la forta opozicio de la popolo al tio, iuj jam proponis, ke oni uzu la anglan en la parlamento kaj la angla fariĝos pli kaj pli la plej frue lernata. La bildo de kvarlingva Svislando estas ankaŭ idealigita ĉar male al tio, kion ĝi povus komprenigi, la interkompreno pere de la kvar naciaj lingvoj malofte okazas kaj la kvar lingvoj praktike ne ĝuas egalecon en la uzado. La svisoj ofte ripetas frazon, nun faman, de antaŭa svisa prezidanto el vaŭda kantono: «La svisoj bone kunvivas ĉar ili ne interkomprenas sin!» Por malpravigi tiun aserton aparte gravas la instruado kaj multaj politikaj decidoj dependaj de popolaj voĉdonoj pri la lingva estonteco de la lando. Pri la obstakloj al plurlingvismo verŝajne kulpas samtempe lingva pigreco de la plejmultoj (la tiĉinanoj kaj romanĉoj plej sukcesas en lernado de lingvoj) kaj netaŭgaj instrumetodoj. Ĉu Svislando kapablos konservi kaj eĉ plibonigi sian plurkulturecon? Tion ni ekscios en la venontaj monatoj kaj jaroj. La popola opinio, de kiu dependos multaj venontaj decidoj, estas forte disigita inter teoria amo al la naciaj lingvoj kaj forta kredo, ke prioritato al la angla lingvo estas la sola estonteco. Tio konfirmas, ke malantaŭ lingva debato ĉiam decidas la povo, ĉu nacia por la germana/alemana, ĉu tutmonda por la angla. Kaj pri multaj alemanoj, kiuj ja havas grandan respondecon pri la nurangla elekto, ni rimarku, ke ili ŝajne preferas limiĝi unuflanke al nur familia, sentoplena dialektigita lingvo kaj, aliflanke, al la "ekonomisukcesa" angla. ***NM***

## Notoj:

(1) la arpitana aŭ francprovenca lingvo estas gaŭlromia lingvo situata inter la oklingvoj/okcitana sude kaj la ojllingvoj norde. Ĝin oni parolas en la preskaŭ tuta romanda (nun franclingva) Svislando, en Savojo kaj en la regiono de Liono, sude de Franĉkonteo, en la aosta valo, en kelkaj nordpiemontaj valoj kaj en du municipoj de Apulio. Ĝi estas forte minacata kaj oficiala nur en kelkaj valoj de Piemonto.

(2) "*Röstigraben*" *das Verhältnis zwischen deutscher und französischer Schweiz, Geschichte und Perspektiven. Christophe Büchi*. (Interkultura disiĝo, rilatoj inter germanlingvaj kaj franclingvaj svisoj.) Eld. *Verlag Neue Zürche Zeitung, Zurich, 2000.* Franca traduko: *Mariage de raison. Romands et Alémaniques: une histoire suisse.* (Racia edziĝo. Romandoj kaj alemanoj: svisa historio) *Ursula Gaillard,* eldonejo *Zoé.*2001**.** *Christophe Büchi.* Nova eldono pretiĝas.

(3) http://www.admin.ch/opc/fr/classified-compilation/20062545/index.html
(franclingva versio sed ankaŭ legebla en la germana, la itala kaj la romanĉa).

(4) http://www.edk.ch/dyn/11737.php (franclingva versio sed ankaŭ legebla en la 4 svisaj lingvoj kaj en la angla).

(5) Franclingvaj kantonoj.

(6) La svisa popolo ĝuas pri "rektdemokrataj rajtoj": per referendumo ĝi povas kontraŭstari leĝajn aŭ konstituciajn registarajn decidojn kaj per "popoliniciativoj" ĝi povas proponi leĝojn aŭ konstituciajn artikolojn je la federacia, kantona aŭ munipa nivelo. En la du kazoj necesas unue kolekti favorajn subskribojn (50 000 por referendumo, 100 000 por popoliniciativo).

(7) Oni kutimas paroli pri svisa nacio, pri naciaj lingvoj ktp. Persone mi preferus ĉi tie paroli pri "ŝtata solidareco" vidante Svislandon kiel konfederacion de nacioj. Tamen mi ĝenerale ne tro batalemas pri terminoj kaj egale uzas la terminojn -ŝtato- kaj -nacio-, ne opiniante tiun punkton tre grava.

(8) Fakte 11 se oni konsideras la 5 romanĉajn idiomojn kaj la diversajn alemanajn, ĝermanajn kaj italajn variaĵojn, ja sen oficialeco.

(9) Por lingvistoj dialekto estas lingvo. Ĉi tie mi uzas la vorton –dialekto- male al –idiomo- tute ne science sed nur por montri la diferencon inter la alemanaj variaĵoj sen skriba tradicio kaj la romanĉaj idiomoj.

(10) *La Quotidiana*, 12.12.2012.

(11) Germana: *Schweizerische Volkspartei*. Franca: *Union Démocratique du Centre.* Itala: *Unione Democratica di Centro.* Romanĉa: *Partida populara svizra.*

(12) *La Suisse plurilingue se déglingue, pladoyer pour les quatre langues nationales suisses* (Plurlingva Svislando diseriĝas, pledo por la kvar naciaj svisaj lingvoj), *José Ribeaud,* eld. *Delibreo*, 2010.

(13) La svisa parlamento, Federala Konsilantaro, estas formita de 2 ĉambroj, la Nacia Konsilantaro, kiu reprezentas la popolon kaj la Ŝtata Konsilantaro, kiu reprezentas la svisajn ŝtatojn, la kantonojn.

*Xabier Rico Iturriotz*

# DE LA AKVITANA LINGVO AL LA EŬSKA SUBSTRATO EN LA GASKONA DIALEKTO

Profitante, ke komence de novembro 2013 okazis en Aranvalo – nord-okcidenta Katalunio – katalunokcitana esperanto-kongreso, mi pensis, ke povas esti interese por tiu evento la temo, kiun oni supre mencias, ĉar ĝi estas nek tre vaste konata.




**Okcitanaj dialektoj.**

Unue mi devas klarigi, ke en Aranvalo oni parolas la aranan, subdialekton de la gaskona, kiu mem estas okcidenta dialekto de la okcitana lingvo. Mi rimarkigas ankaŭ, ke la arana estas oficiala lingvo en tiu valo.

Tamen la enhavo de tiu ĉi artikolo rilatas al la eŭska substrato ne nur en la okcitana de Aranvalo, sed ĝenerale en la gaskona.

**IOM DA HISTORIO….**

**La akvitanoj, praeŭska tribo**

Se oni parolas pri la gaskonoj, ni devas ankaŭ nepre mencii tiun popolon konsideratan tra ĝiaj prauloj, la akvitanoj. Jam en la verko de Julio Cezaro, *De bello gallico*, oni mencias, ke akvitanoj kune kun galloj kaj belgoj estas unu el la tri plej gravaj popoloj loĝantaj en la tiuepoka Gallio.



**En ĉi tiu latina subskribo troviĝanta en la gaskona urbeto *San Bernard de Comenge* la tranĉita vorto *hontarr* povas rilati al la eŭska.**

Inter la triboj, kiuj aperas en la suba mapo, versajne nur ses (aquitani, vascones, barduli, caristi, autrigones kaj berones laŭ latinaj nomoj) oni povas taksi kiel praeŭskajn.

**La akvitana, praeŭska lingvo**

Kiel mi supre iel menciis, tiuepoke la akvitanoj loĝis pli malpli en la regiono, kie nuntempe oni parolas la gaskonan. Krome la lingvo parola ta de la akvitanoj rekte rilatis al la nuna eŭska. Tion atestas la latinaj surskriboj trovitaj en Akvitanio, kiuj enhavas eŭskajn vortojn ĉefe pri nomoj de homoj kaj lokaj dioj.

**Jen kelkaj ekzemploj el la pluraj vortoj aperantaj en la surskriboj:**

| | |
|---|---|
| **andere** = virino | **ilun** = malhela |
| **atta** (nuna eŭska *aita*) = patro | **nesca** (nuna eŭska *neska)* = knabino |
| **arix** (nuna eŭska *haritz)*= kverko | **sahar** (nuna eŭska *zahar*) = malnova, maljuna |
| **berri** =nova | **sembe** (nuna eŭska *seme*) = filo |
| **cison** (nuna eŭska *gizon*) = viro | **llur** (nuna eŭska *lur*) = tero |
| **bihox** (nuna eŭska *bihotz*) = koro | |

## La eŭska kaj latina dum la romia epoko

Oni ne povas kompreni, kial estas eŭska substrato en la gaskona, se oni ne konscias, ke la eŭska prenis multajn vortojn el la latina kaj estis amplekse influita de ĉi tiu lingvo, ĝis punkto kiun la nunaj filologoj ne povas ekzakte difini.

### La eŭska substrato en la gaskona

Oni povas logike supozi, kvankam mi, ne estante filologo, ne povas certigi tion, ke la okcitana alvenis al Akvitanio el oriento kaj ke la akvitanaj praeŭskoj alproprigis ĝin al si en epoko, kiu estas malfacile certigebla.

Estas vortoj, kiujn la eŭska prenis rekte el la latina kaj kiuj ricevis en la eŭska la fonetikajn ŝanĝojn, kiujn ni mencios.

En la gaskona du estas la ĉefaj trajtoj de tiu substrato:

## 1. Komence de vorto la sono -f- iĝas aspiraciata h

Tiukaze la eŭskan substraton, kiel ni vidos, oni povas trovi kaj en la gaskona kaj en la kastilia –hispana- (ne ĉiam kiam oni trovas ĝin en la gaskona, en la subaj ekzemploj nur unufoje).

Estas granda listo de vortoj, kiuj ricevis tiujn ŝanĝojn, sed ni mencios nur kelkajn:

| **LATINA** | **EŬSKA** | **PROVENCA** okcidenta dialekto de la okcitana | **GASKONA** | **KASTILIA** | **ESPERANTO** |
|---|---|---|---|---|---|
| florem | lore | flor | hlor | | *floro* |
| farinam | irina | farina | haria | harina | *faruno* |
| frigidum | ………….. | freg | hred | | *malvarmo* |
| festam | festa (escepto al ĉi tiu regulo) | fèsta | hèsta | | *festo* |
| focum | …………… | fuòc | huec | | *fajro* |

## 2. Kiam komence de vorto aperas la sono -r- oni antaŭmetas –ar.

En la eŭska je vorto, kiu komenciĝas per- **r-** oni antaŭmetas –**er-.**

| **LATINA** | **EŬSKA** | **PROVENCA** okcidenta dialekto de la okcitana | **GASKONA** | **ESPERANTO** |
|---|---|---|---|---|
| rotam | errota | ròda | arroda | *rado* |
| racimum | ……….. | rasin | arrasim | *grapolo* |
| rium | …………. | riu | arriu | *rivero* |

**Por fini jen tuta frazo:**



**Latine:** femina qui ridet
**Provence:** frema que ritz
**Gaskone:** hemna qu´arrit
**Esperante:** virino kiu ridas

***XRI***

---

# ĈU RESTRIKTADO DE HOMAJ RAJTOJ EN NEDERLANDA FRISLANDO?

En Okcidenta Frislando, kiu estas parto de Nederlando, minacas restriktado de la ĝisnunaj minoritataj rajtoj. Laŭ gazetaraj informoj, oni konsideras ŝpari ekde 2017 financajn rimedojn en la kampo de la frislingvaj radio kaj televido (*Omrop* (1) *Friesland*). Unua, prepara paŝo jam estas farita per la transigo de kontrolado kaj elsendado de la frislingvaj programoj el la provinco Frislando al la nederlanda kulturministerio.

Tiukampa ŝparado estas nenio nova en Nederlando. Tiusence, antaŭ malmultaj jaroj, estis ĉesigitaj, malgraŭ fortegaj mondvastaj protestoj, la nederlandlingvaj mallongondaj programoj de Radio Nederland *Wereldomroep*, la nederlandlingvaj elsendaĵoj por eksterlando. Simile estis forigita la ĉiutaga senkosta ret-ĵurnalo *Wereldkrant* [Tutmonda Gazeto] de la Eksterlanda Servo. Tamen, tiu eldonaĵo ja pluekzistas sub la nomo *Dutch Times* [laŭvorte: Nederlandaj Tempoj], post transformiĝo en memstaran gazeton financatan far la legantoj.

Dume oni pripensas en la provinco Frislando la estonton de *Omrop Friesland*. Oni timas "*hilvers*umiĝi " (2), kio signifus kuniĝon kun la nederlandlingvaj programoj en centra "ŝparpoto". Tial aperis interalie la ideo savi *Omrop Friesland* far la frisaj gazeteldonejoj, kion iuj rigardas skeptike, ĉar, en la elektronika epoko, ĵurnaloj laŭdire spertas retreton. Tamen, eventuale ekzistas ŝparsolvo per kuniĝo de diversaj regionaj stacioj, kiel *RTV Noord* aŭ *RTV Drenthe*. Kvankam tio ĉi signifus oferojn rilate la frisan lingvon, tiel ekzistus la ŝanco "pluvivteni sin" kune kun programoj en nederlandlingvaj dialektoj. Tiel oni povus eviti centrigon "*hilvers*umecan".

Ĝis nun neniu konas definitivan kaj plej bonan solvon. Dume pluaŭdiĝas la protesta krio de la frisoj: «Ni estos reĵetataj 30 jarojn en nia historio!»

Laŭ la dana ĵurnalo *Flensborg Avis* prilaborita kaj tradukita en la germanan far *Dieter Meiners*;
esperantigita far *Uwe Joachim Moritz*.

**Notoj:**

(1) En la nederlanda lingvo "radio(stacio)" estas *omroep*, en la frisa estas *omrop*.
(2) En la urbo *Hilversum* troveblas la plej gravaj radio- kaj televidstacioj de Nederlando.

*Alain Favre*

# FINFINE FILMO PRI GRAVA ROMAA VERKISTINO



http://rombase.uni-graz.at
***Bronisława Wajs - Papusza***

La romaa poetino *Bronisława Wajs*, pli konata sub la nomo *Papusza* (Pupo), naskiĝis en 1908 en la cara imperio, en loko nun ukrajna sed tiam en orienta Pollando. Ŝia familio apartenis al la grupo de la polaj romaoj "*Polska Roma*". Male al plej multaj virinoj (kaj eĉ viroj) de sia komunumo, ŝi emis kaj sukcesis lerni legi kaj skribi; post la dua mondmilito ŝi fariĝis konata poetino en Pollando, sed ŝia komunumo akuzis ŝin je perfido de romaaj sekretoj. Tial ŝi estis forĵetita kaj malgraŭ sia renomo ĉe la pola intelektularo ŝi ege suferis pro tio kaj kondukis vivon de malriĉeco kaj sindonemo ĝis sia morto en 1987, kun momentoj de deprimiĝo dum kiuj ŝi foje bruligis siajn manuskriptojn.



www.muzeum.tarnow.pl, 1930.
***Bronisława Wajs – Papusza* meze de romaa grupo.**

La filmo *Papusza* de *Joanna Kros-Krauze* kaj *Krzysztof Krauze* (2013) elvokas la vivon de tiu poetino inter 1910 kaj 1970; en ĝi kompreneble fonas granda parto de la pola historio de la 20-a jarcento, kaj ankaŭ la vivo en la aparte patriarka socio de la romaoj. Mem-malplimultanino en malplimulto, *Papusza* sukcesis esti legata kaj do konata en la "makrosocio", en lando, kiu ofte prezentas sin kiel unuetnan kaj malfacile toleras romaojn (kiel fakte plej multaj landoj de Eŭropo). Sed la forto de tiu filmo konsistas en la fakto, ke ĝi bone montras kiel la konfliktoj, kiuj ekzistas en la socio, eniĝas en la individuon mem, kiu devas transpaŝi sociajn malpermesojn por resti fidela al si mem, kun la konsekvencaj vundoj, kiujn oni povas – aŭ eĉ ne povas – bildigi al si. Tiu filmo ankaŭ montras vidpunkton pri la maniero, laŭ kiu la romaa komunumo povus integriĝi (eble mallerta vorto) aŭ almenaŭ povus esti vere agnoskita en la nuna Eŭropo.

La ge-*Krauze* estas unuarangaj, ofte premiitaj filmistoj, kaj ankaŭ ilia venonta produktaĵo – *La birdoj kantas en Kigali* -, kiu temas pri la post-genocida vivo en Ruando, tutcerte povos trovi lokon en niaj paĝoj. *AF*



**Vikimedio, 14.08.2007. Aŭtoro: *Sławek*.**
***Joanna Kos-Krauze*.**

# KONCIZE EL …

**Katalunio. La okcitana esperantisto *Jacme Taupiac* ricevis la premion *Robèrt Lafont.*** Tiu premio, aljuĝata de la kataluna registaro, rekompencas agadon por la okcitana lingvo.
La registaro de Katalunio decidis atribui la premion *Robèrt Lafont* 2014 al la okcitana esperantisto *Jacme Taupiac* pro "lia studado, esplorado kaj disvastigado de la okcitana lingvo ĝenerale, kaj lia aparta rilato kun Arano". La ĵurio ankaŭ alte taksis "lian agadon por defendi la unuecon de la okcitana".

Tiun ĉi premion donas la registaro de Katalunio al personoj kiuj elstaras pro defendo, akcelado kaj disvastigo de la okcitana. Oni liveris ĝin lunde la 16-an de junio kadre de solenaĵo prezidata de la ministro pri kulturo de Katalunio kaj de la prezidanto de Arano.

*Taupiac*, okcitana lingvisto kaj verkisto, laboris por la modernigo de la okcitana lingvo, kaj li estas unu el la normigistoj de la lingvo en Arano. Li estas ankaŭ aktiva esperantisto (membro de IKEL, NdlR). Lia vortaro *Diccionari de mila mots*, (Milvorta vortaro) prezentas okcitanajn vortojn priskribitajn en la okcitana kun traduko al Esperanto. Menciindas lia brila partopreno en la lasta Okcitan-kataluna Kongreso de Esperanto, okazinta novembre 2013 en *Salardú* (Okcitanio) (1).

El la blogo de KEA:
http://esperanto.cat/web/La-okcitana-esperantisto-Jacme?lang=eo

(1) *Jacme Taupiac* promesis liveri la tekston de sia prelego en *Salardú* por la venonta numero de ***Etnismo***.

**Ĉuvaŝio.** Aperis en Ĉuvaŝio (Rusia Federacio) fotoblogo *Pĕrtanlăh* (ĉuvaŝe: egaleco, egalrajteco), kie montriĝas la situacio de la lingvoj en la publika spaco (1). Laŭleĝe en Ĉuvaŝio la ĉuvaŝa kaj la rusa lingvoj estas oficialaj sen distingo de niveloj inter ambaŭ. Krome, la leĝaro devigas la uzadon de (almenaŭ) la ĉuvaŝa en difinitaj okazoj, ekz. en loknomoj. La realo estas tre for de tio. En sia unua monato da ekzisto la blogo publikigis preskaŭ milon da fotoj de stratnomoj, trafiksignaloj, oficialaj organizoj, lernejoj, universitatoj k.a., kie mankas la ĉuvaŝa lingvo (aŭ en kelkaj okazoj, kie ĝi estas uzata, sed kun lingvaj eraroj). La blogo montras ankaŭ pozitivajn ekzemplojn de dulingveco, ekzemple vendejojn uzantajn la ĉuvaŝan, aŭ dulingvajn afiŝojn en ŝtata kaj minoritata lingvo en aliaj respublikoj de Rusio kaj eksterlande. La tuta blogo estas plene en la ĉuvaŝa kaj rusa lingvoj.

*Hèctor Alos i Font*

(1) http://pertanlah.livejournal.com/

**Katalunio. "*Catalonia calling.* La mondo devas scii".** Tiel nomiĝas kampanjo, kiu celas sendon de libro informanta pri la pasinteco kaj la nuntempo de Katalunio al miloj da homoj en la tuta mondo por kontribui al la internacia informado pri Katalunio prepare al la referendumo pri aŭtonomiiĝo. Tiu ĉi libro tradukita al la kastilia, franca, angla kaj germana estas eldonita de la historia revuo *Sàpiens*. Ĝi ankaŭ markas la 300-jariĝon de la kataluna malvenko dum la milito de la Hispana Sukcedo fronte al la franc-hispanaj trupoj en 1714. Du jarojn poste, en 1716, Kastilio submetas Katalunion al la dekreto *Nueva Planta*, kiam, post 700 jaroj da memregado, Katalunion perdas sian parlamenton, sian juran kaj edukan sistemon kaj estas submetita al la kastilia krono. Tion, inter alie, rakontas tiu bele prezentita libro kun riĉaj ilustraĵoj, didaktikaj mapoj, klaraj grafikaj tabeloj. Al ĝi kontribuis multaj fakuloj el Katalunio kaj aliloke. La unua duono el ĝiaj 145 paĝoj rakontas pri la pasinteco, ekde Vilfredo la Harplena, konsiderata, kiel la unua kataluna grafo, kaj la dua parto pri la nuntempaj luktoj por aŭtonomio kadre de la hispana ŝtato. Ĝi vere komprenigas multon pri la realo de Katalunio kaj ĝi estas akompanata de DVD. Ĝi estas financita per tiucela retejo, nomita *crowdfunding*, kie ĉiu civitano povis pagi inter 15 kaj 50 eŭrojn, kaj sendita al influpovaj homoj, ĵurnalistoj, politikistoj ktp. *NM*

La libro aĉeteblas je 15 eŭroj kaj ĝia kataluna versio konsultebla je:
http://www.sapiens.cat/ca/el-mon-ho-ha-de-saber.php




**- INFORMILO 73**
**Internacia komitato por Etnaj Liberecoj,**
**Honora prezidanto:**
*Uwe Joachim Moritz*

## 99-A UNIVERSALA KONGRESO DE UEA

**Bonareo, 26-a de julio ĝis 2-a de aŭgusto 2014:**
Nia kasisto, *Xabier Rico Iturriotz* kaj nia membro *Rafael Bianco-Arbe* reprezentis **IKEL** en la **Movada Foiro**.

## 81-A ITALA KONGRESO DE ESPERANTO

**Fai della Paganella, Trentio, 23-a ĝis 30-a de aŭgusto 2014:**
*Alain Favre* kaj *Nicole Margot* ĉeestis la kongreson kaj disdonis flugfoliojn pri **IKEL**. En la libroservo vendiĝis numeroj de ***Etnismo*** kaj libroj eldonitaj de **IKEL**.
Ni havis la okazon viziti ladinajn valojn, inter alie la valon de *Fascia* (itale: *Fassa*) pli precize la vilaĝon *Vich* (itale: *Vigo di Fassa*). En unu posttagmezo ni povis konstati la dulingvecon de la loko: dulingvajn administrajn komunikojn, gazeton en la ladina disponeblan en kafejoj kaj



***Vich.***

foje ni aŭdis ladinajn interparolojn surterase. En *Vich* troviĝas la Ladina Kultura Instituto, *Majon di Fascegn,* kiu, ekde 1975 kolektas kaj studas diversajn materialojn pri historio, ekonomio, lingvo, folkloro, mitologio kaj kostumo de la ladinanoj. Ĝi diskonigas la ladinan kulturon en la gazetaro kaj kunlaboras kun la lernejoj por disvolvigi instruon de la ladina kaj organizas kursojn por plenkreskuloj. En 2001 estis




**Dulingva afiŝo je la urbodomo.**

inaŭgurita la Ladina Muzeo de *Fascia*, kiu eksopozicias la kolektojn de la Kultura Ladina Instituto. Tiu ĉi moderna muzeo dulingva donis al ni la eblon legi kaj aŭdi la ladinan kaj ankaŭ aĉeti librojn por pli bone kompreni la ladinan kulturon.
Okaze de la kongreso en tiu aŭtonoma regiono, Trentio-Supra Adiĝo/Sudtirolo, la Federacio Itala de Esperanto eldonis etan antologion: " Trentlando, verkistoj, legendoj, kantoj" kun tekstoj tradukitaj de *Carlo Minnaja*. Plej multaj tekstoj estas tradukitaj el la itala tamen kelkaj el la ladina kaj unu el la cimbra, alia el la bernsvala, du ĝermanaj dialektoj. *NM*

### *Karaj legantoj de Etnismo,*

Vi ricevas vian revuon kun granda malfruo. La kaŭzoj de tiu malfruo pluras. Interalie mi bezonis longan tempon por redakti la artikolon pri la lingvoj de Svislando, tasko, kiu aldoniĝis al la enpaĝigo. Mi kolektis informojn kaj skribis la artikolon kun granda plezuro kaj esperas, ke vi havos la saman plezuron dum ĝia legado. Tamen ni ne devas perdi la kutiman ritmon. Por ke la numero 94 aperu ankoraŭ en 2014 mi devis fiksi la redaktan limdaton jam je la 31-a de oktobro kaj atendas viajn artikolojn. *NM*

# FOTOALBUMO

## SVISLANDO: 4-LINGVA, 5-LINGVA AŬ PLI ...?:

Vikimedio, aŭtoro: *Béka*, Berno la 16.06.2007.

**Mi preskaŭ ne parolis pri la lingvoj de la enmigrintoj: Manifestacio por la tago de la rifuĝintoj.**

Vikimedio, 03.02.2008.

Aŭtoro: *Rubadur.*

**Afiŝo por la prilingva leĝo en Grizono.**

## FINFINE FILMO PRI GRAVA ROMAA VERKISTINO:

Vikimedio, 30.05.13. Aŭtoro: *Stiopa.*

**Monumento al *Bronisława Wajs - Papusza* kun infaneto.**

Vikimedio. Aŭtoro: *Stiopa*.

**Memortabulo sur la domo de la poetino *Bronisława Wajs - Papusza* (1953 – 1983) en la pola urbo *Gorzów Wielkopolski*.**